# Etnismo

N-RO 23 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 20.12.79

# ETNA PROBLEMO EN BELGIO

Komence de novembro 1979 okazis seminarieto en Lichtaart (Flandrio, Belgio), kie oni traktis - krom la frisa, kimra kaj vaska problemoj - precipe la situacion interne de la belga ŝtato. La enkondukajn referaĵojn faris d-ro E. Frederickx, el flandra vidpunkto, kaj Mark Demonty, el valona vidpunkto. La diskutgrupon kungvidis, anstataŭ Frederickx, Fernand Roose. Videbliĝis tuj ke la plej grava problemo estas la statuso de la Brusela regiono, kiu konsis-



tas el la ĉefurbo Bruselo kaj 19 municipoj ĉirkaŭaj. La tuta regiono estis, ĝis tiu ĉi jarcento, klare nederland-lingva kaj nun estas samklare franc-lingva. Tamen, oni asertas ke sufiĉe granda parto de la bruselanoj ja estas nederland-lingvaj, sed ke ili kaŝas tion por eviti diskriminacion far franc-lingvuloj ...

Dum la partio Franc-lingva Demokratia Fronto (FDF) postulas la lingvan egalrajtecon sur tutŝtata nivelo (malgraŭ la fakto ke la franc-lingvuloj formas evidentan malplimulton: 4o,6 %), tiu partio malakceptas la saman principon sur la nivelo de Bruselo kie la nederland-lingvuloj estas malplimulto! Se Bruselo estus samrajta subŝtato en belga federacio kaj se en Bruselo validus la principo de plimulteco por fiksi la lingvan statuson, en tuta Belgio ĉiam estus du franc-lingvaj voĉoj kontraŭ unu nederland-lingva. Ĉi tion evidente Flandrio ne povas konsenti!




Komence de aŭgusto 1979 en la norda parto de german-lingva Belgio plurloke oni kovris la franc-lingvajn loknomojn, ĉi-kaze "La Calamine"(anstataŭ "Kelmis"). La sola german-lingva taggazeto "Grenz-Echo", Eupen, komentis: "Estas bedaŭrinde ke tiu ĉi speciala formo de 'rasismo' ŝajnas etendiĝi ankaŭ en nia regiono." Ĉu tio ne estas sufiĉe naiva eldiro, se oni konsideras ke ĉi-kaze la SOLA nomo estis la franca? En aliaj loknomaj tabuloj, en kiuj la germana antaŭas la francan, oni same kovris la francan, kio ja estas nebezonata konsiderante ke finfine tiuj municipoj apartenas al la franc-lingva provinco Lieĝo.

Post la demisio de Leo Tindemans (flandra Kristana Popol-Partio, fKPP) en decembro 1978 okazis parlamentaj elektoj kaj la plej signifaj eroj de la rezulto estas: (1) La naciisma flandra Popol-Unio perdis 6 el siaj 2o seĝoj (laŭdire ĉar ĝi estis tro cedema!). (2) La flandra Partio por Libereco kaj Progreso kreskigis sian seĝaron de 17 al 22. La aliaj partioj jen gajnis unu plian seĝon aŭ perdis unu aŭ du; la plej forta grupo restas fKPP kun 57 seĝoj el 212. Post plurmonata serĉado printempe la fKPP-prezidanto Wilfried Martens formis novan koalician registaron el flandraj kaj valonaj kristandemokratoj kaj socialistoj ( = 4 memstaraj partioj!) kaj la brusela FDF.

La german-lingva parteto de Belgio pli kaj pli konscias pri la nepreco havi aŭtentikajn politikajn rajtojn: La tieaj partioj postulas ke la Konsilantaro de la Germana Kulturkomunumo havu dedicrajtojn kaj ke ĝi elektu sian propran registaron, kontraŭe al la nuna kuriozaĵo ke la KGK proponas kaj la belga registaro eventuale efektivigas .....



**Maldekstre:** Surstrataj bataloj inter jen flandraj, jen valonaj manifestaciantoj en la malgrandega municipo de Furoj apartenanta al la provinco Limburgo (Hasselt) kaj ekonomie ligita kun Lieĝo.

UGO MARAZZI

# MALPLIMULTOJ ĈE LA LIMO INTER ĈINIO KAJ SOVETUNIO




Klarigo de signoj

...SFSR Soveta Federacia Socialisma Respubliko

...SSR Soveta Socialisma Respubliko

AR Aŭtonoma Regiono

| | | |
|---|---|---|
| altajoj | jidoj | mongoloj |
| bujioj | jijoj | nivĥoj |
| burjatoj | karakalpakoj | taĝikoj |
| evenkoj | kazaĥoj | tibetoj |
| germanoj | kirgizoj | turkmenoj |
| ĝuangoj | koreoj | tuvinoj |
| hujoj | manĉuoj | ujguroj |
| ĥakasoj | mjaŭoj | uzbekoj |

Soveta Unio kaj Ĉina Popola Respubliko estas pluretnaj ŝtatoj. En ili apud superrega etno, respektive grand-rusa kaj hana, vivas grandaj etnaj malplimultoj.

En Soveta Unio, laŭ informoj de la lasta popolnombrado de 197o-a, grandrusoj estas 129.o15.14o, kaj la tuta loĝantaro konsistas el 241.72o.134 homoj. - En Ĉina Popola Respubliko ne-hanaj etnoj estas pli ol 6 % de la loĝantaro, kaj do ili estas proksimume 4o milionoj da homoj, laŭ la informoj de la lasta popolnombrado de 1953-a.

Granda parto de la malplimultaj etnoj en la du landoj amasiĝas en centr-aziaj zonoj, ĉe la landlimo inter la du gigantoj de komunismo. Temas pri areo aparte interesa el la vidpunktoj intern-politika kaj internaci-strategia.

Kiam temas pri etna aparteno de tiuj popoloj, oni trovas ĉefe turkojn (kazaĥojn, kirgizojn, uzbekojn, turkmenojn, ujgurojn ktp.), iranojn (taĝikojn) kaj mongolojn kaj fine kelkajn malpli grandajn etnajn grupojn, kiuj laŭgrade asimiliĝas al pli granda etno.

Turkaj etnoj posedas komunan kulturan heredaĵon ambaŭflanke de la landlimo, ĉar tiu landlimo, kiel ofte okazas (oni nur pensu pri kurdoj), estas rezulto de interkonsento inter la tiamaj rusa kaj ĉina imperiismoj. Pro ĉi-tiu cirkonstanco estas favorataj movadoj por aliĝo al sama etno loĝanta trans la limo kaj ambaŭflankaj teritoriaj postuloj.

Kiam la komunista partio prenis la povon, la centr-azia situacio en Rusujo estis markita per tre granda soci-ekonomia malevoluo kaj tre granda etna dis-er-eco. Minimume laŭ la intencoj, la Lenina etno-politiko antaŭvidis modernigon sur soveta bazo en la kadro de respekto de proleta internaciismo kaj de rajto je mem-decido. Efektive, la Stalina politiko realigis la teritorian-administran reformon, kiu ekestigis novajn naciojn sur la cindroj de antaŭaj klanaj-tribaj komunumoj, la kreadon de naciaj lingvoj, la fiks-loĝigadon de nomadoj kaj la kolektivigadon de kamparoj. Sekve de tio sendube en soveta centra Azio oni havis soci-ekonomiajn progresojn nepenseblajn sub aliaj cirkonstancoj, sed la pagita prezo por tio estis tre alta: milionoj da mortintoj, malapero de la loka intelektularo, humiligo de la loka kulturo.

Post Stalin la centr-azia areo estas tre firme kunligita, en bono kaj en malbono, kun la destino de la tuta soveta socio, kvankam subevoluo kaj neprogreso, malgraŭ la enorma antaŭensalto, estas ne tute malaperintaj realaĵoj.

La plej videbla efekto de sovetigo estas tre "dika" rusigo kaj sekva dekulturigo rilate la tradiciajn valorojn. Ĉi-tiu fenomeno estas pli evidenta en urboj ol en kamparoj.

Ne facilas profunde koni la sintenon de centr-aziaj nacioj rilate al la soveta povo. Ŝajne certe ke la plimulto de la homoj pli ŝatas la avantaĝojn ol bedaŭras la malavantaĝojn de sovetiĝo. Aliflanke ne-rusaj nacioj montras, malgraŭ la rusigo, grandan etnan kaj lingvan viglecon. La ĉiam pli disvastiĝanta dulingveco inter la rusa kaj la naciaj lingvoj ŝajne ne estas baro kontraŭ la memstara evoluo de naciaj lingvoj, kvankam ĉi-tiuj lingvoj ofte suferas diskriminaci-tendencojn en pluraj sektoroj de la socia kaj kultura vivo.

La ekstreme granda delikateco de la limo-problemoj devigis la komunistan partion de Ĉinujo alfronti, tuj post la povo-konkero, kun atento kaj firmo la etnan problemon en la centr-azia areo: Sinkiango (Xinjiang) kaj Ena Mongolio - en ĉi-lasta regiono la problemo estis duaranga, ĉar en ĝi, de longa tempo, okazis han-iĝo. Sinkiango konsistigas hodiaŭ 37 % de la tuta ĉina teritorio kaj ĝi havas politikan-ekonomian-strategian gravecon malfacile supertakseblan.

La naciaj disiĝaj turk-islamaj movadoj, kiuj agadis en la kvardekaj jaroj, estis gvidataj de ujguraj kaj kazaĥaj intelektuloj. Tiu agado kulminis en la fondo de la tiel nomata Respubliko Kulgia post la dua mondmilito, sed tiuj movadoj havis la saman finon, kiun havis siatempe la naciaj kaj naci-komunismaj movadoj en Soveta Unio, en la dudekaj jaroj.

La neceso certigi al si la kontrolon de teritorioj kun nekalkulebla strategia graveco antaŭe en Soveta Unio en la dudekaj jaroj kaj poste en Ĉinujo en la kvardekaj kaj kvindekaj jaroj devigis la estrajn grupojn en la du landoj (heredantoj de la ekspansia politiko respektive de la imperiestroj Romanov kaj King /Quing/) antaŭeniri laŭ la spuroj de la eksaj reĝimoj.

Ankaŭ se ĝi estas bazata sur la sovet-speca marksisma-leninisma teorio pri nacioj, la Pekina politiko rilate ne-hanajn naciojn prezentas originalajn trajtojn rilate la sovetan modelon. Ekzemple, minimume formale centr-aziaj respublikoj retenas (en la konstitucio valida ĝis 1977-a) la rajton je "libera eliro el la Unio de Sovetaj Respublikoj", dum la "konkretaj kondiĉoj" (laŭ la ĉina terminologia uzo) de la ĉina situacio preferigis al la ĉinaj gvidantoj la alprenon de "regiona aŭtonomeco" kaj ne de la soveta federacia modelo.

Oni kreis en Ĉinujo kvin aŭtonomajn regionojn (kp. la mapon), dudek naŭ memstarajn distriktojn (zhou) kaj sesdek kvin memstarajn subdistriktojn (xian). Tamen, esence, la gvidprincipo, kiun priatentis la kreantoj de la ĉina etno-politiko, ne estas tre malsama ol la principo "divide et impera" (disigu kaj regu), kiu estas ĉe la bazo ankaŭ de la soveta solvo de la nacia problemo.

Упражнение 5. Спишите в тетрадь.

*Бу нима? Бу узум. Бу сут. Бу ун. Мана бу тут.*

4- §. Кк Рр


Карима.


Карим.


Каптар.


Мактаб.


Иккита ин.

**каптар** — голубь
**мактаб** — школа
**ким?** — кто?
**иккита** — два, две (штуки)
**катта** — большой, большая, большое

Мана Карима. Ана Карим. Бу каптар. Ана мактаб. Мактаб катта. Мана иккита ин. Ана иккита каптар. Мана битта нина. Бу узум. Бу тут. Бу сут.
— Бу ким? —Бу Карима.
— Бу ким? —Бу Карим.

8

Jen paĝo el la lernolibro "Alifbe" por rusaj infanoj lernantaj la UZBEKAN lingvon en la tria klaso. - La ses-linia legoteksto signifas proksimume jenon: "Tiu ĉi estas Karima. Tiu estas Karim. Tio estas kolombo. Tiu estas lernejo. La lernejo estas granda. Tiu(j) ĉi estas du nestoj. Tiu(j) estas du kolomboj. Tiu ĉi estas unu kudrilo. Tio estas vinberaro. Tio estas moruso. Tio estas lakto. Kiu estas tio/tiu/? - Tio estas Karima. Kiu estas tio/tiu/? - Tio estas Karim."

Iloj por mobilizo de la popolaj amasoj en malplimulto-regionoj estis la agrikultura reformo kaj la lingva reformo en la kvindekaj jaroj, kaj la kampar-kolektivigo en la sesdekaj jaroj en la kadro de la ekonomia politiko elektita de la ĉinaj gvidantoj.

En Sinkiango okazis io simila al tio jam okazinta en sovetaj centr-aziaj respublikoj. Ekestis nerenversebla tendenco al alkulturiĝo je la valoroj

(de ekonomio al lingvo) de la superrega nacio.

Suficas pripensi la informojn pri migrad-fluo en la du landoj por kompreni la alkulturigan premon, kiun ricevas la tradiciaj strukturoj de centr-aziaj socioj de Sinkiango kaj, kvankam kelkrilate en malsama situacio, de sovetaj respublikoj. Lastatempe ĉefe en Ĉinujo migrad-fluo intensiĝis: En 1948-a vivis en Sinkiango 300.000 hanoj, nuntempe ŝajnas ke ili estas 10 milionoj! Ĉiukaze enmigrintoj konsistas precipe el burokratiuloj, teĥnikistoj ktp. kaj ili povus, dum iom da tempo kaj ĉefe en la ĉina parto, produkti facile kompreneblajn efikojn je la popol-konsista kaj etna-lingva niveloj.

Moskvo kaj Pekino interŝanĝas reciprokajn akuzojn pri kultura genocido rilate la respektivajn etnajn malplimultojn, kaj ili ofte fabrikas el lim-incidentoj, kies rolantoj estas anoj de etnaj minoritatoj, verajn milit-kialojn (casus belli) por plifortigi la ideologian-politikan polemikon, kiu daŭre kontraŭstarigas la du landojn.

La destino de la minoritataj etnoj kaj en Soveta Unio kaj en Ĉina Popola Respubliko starigas demandojn ne facile respondeblajn: Ĉu malpli grandaj etnoj estos ensorbitaj de pli grandaj etnoj? Ĉu pli grandaj etnoj stabiliĝos sur la bazo de retrovata kultura identeco? Laŭ kelkaj observantoj, la estonteco, ĉefe en soveta centra Azio, povus kaŝi surprizojn.

Verkis: Ugo Marazzi (Maraci),
Napola Orienta Instituto
Tradukis: Renato Corsetti (Korseti)

## IOM DA STATISTIKO

| etno \ teritorio enloĝ. | Uzbeka SSR 15.391.000 | Kazaĥa SSR 14.685.000 | Kirgiza SSR 3.529.000 | Taĝika SSR 3.801.000 | Turkmena SSR 2.759.000 |
|---|---|---|---|---|---|
| uzbekoj | 65,5 | 1,7 | 11,3 | 23,0 | 8,3 |
| kazaĥoj | 4,0 | 43,8 | 0,8 | 0,3 | 3,2 |
| kirgizoj | 0,9 | .... | 43,8 | 1,2 | .... |
| taĝikoj | 3,8 | .... | 0,7 | 56,2 | .... |
| turkmenoj | 0,6 | .... | .... | 0,4 | 65,6 |
| karakalpakoj | 2,0 | .... | .... | .... | .... |
| tataroj | 4,9 | 2,2 | 2,4 | 2,4 | 1,7 |
| ujguroj | .... | 0,9 | 0,8 | .... | .... |
| koreoj | 1,3 | 0,6 | .... | .... | .... |
| dunganoj | .... | 0,1 | .... | .... | .... |
| jidoj | 0,9 | .... | .... | 0,5 | |
| germanoj | .... | 6,6 | 3,1 | 1,3 | .... |
| ukrainoj | 0,9 | 7,2 | 4,1 | 1,1 | 1,6 |
| bjelorusoj | .... | 1,5 | .... | .... | .... |
| rusoj | 12,5 | 42,8 | 29,2 | 11,9 | 14,5 |
| armenoj | .... | .... | .... | .... | 1,1 |
| aliaj | 2,7 | 4,2 | 3,8 | 1,7 | 4,0 |

(La redakcio konscias ke nek ĉiuj ĉi-supre listigitaj grupoj indikitas en la mapo de paĝo 3, nek ĉiuj mape indikitaj etnoj menciitas ĉi tie. Ni same konscias pri variado inter eĉ samtempaj statistikoj .....)

Etna identiĝo kun la lingvo gepatra -

Dulingveco - Lingvoanstataŭigo

| etno | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| uzbekoj | 9.195.000 | 98,6 | 14,5 | 3,3 | 1,6 | 1,4 |
| kazaĥoj | 5.299.000 | 98,0 | 41,8 | 1,8 | 1,6 | 2,0 |
| taĝikoj | 2.136.000 | 98,5 | 15,4 | 12,0 | 1,9 | 1,5 |
| turkmenoj | 1.525.000 | 98,9 | 15,4 | 1,3 | 1,1 | 1,1 |
| kirgizoj | 1.452.000 | 98,8 | 19,1 | 2,3 | 1,3 | 1,2 |
| karakal-pakoj | 236.000 | 96,6 | 10,4 | 3,6 | 5,0 | 3,4 |
| ujguroj | 173.000 | 88,5 | 35,6 | 9,5 | 15,0 | 12,5 |
| dunganoj | 39.000 | 94,3 | 48,0 | 5,7 | 4,4 | 5,7 |

1 - anoj de la respektiva etno kiuj konsideras ties lingvon sia gepatra

2 - elcentaĵo de la respektiva etno, kiu konsideras ties lingvon sia gepatra

3 - elcentaĵo: dulingveco kun la rusa

4 - elcentaĵo: dulingveco kun aliaj lingvoj

5 - elcentaĵo: lingvoanstataŭigo (1959)

6 - elcentaĵo: lingvoanstataŭigo (1970)

Etna konsisto nur de la islamanoj en la Aŭtonoma Regiono Sinkiango (laŭ informoj de 1958)

| | | |
|---|---|---|
| ujguroj | 3.640.125 | 82,67 % |
| kazaĥoj | 658.000 | 14,94 |
| kirgizoj | 70.000 | 1,59 |
| taĝikoj | 15.000 | 0,34 |
| uzbekoj | 13.000 | 0,30 |
| tataroj | 7.000 | 0,16 |

En <u>Mongola Popola Respubliko</u> 88,3 % de la 1,4 milionoj da enloĝantoj estas mongoloj (precipe ĥalĥoj kaj okcident-mongoloj), krome burjatoj, kazaĥoj, tuvinoj, rusoj kaj aliaj.

Dekstre: La turkmenlingva gazeto "Literaturo kaj evoluo".

Әхли юртларың пролетарлары, бирлешиң!

ТҮРКМЕНИСТАН ССР ЯЗЫЖЫЛАР СОЮЗЫНЫҢ ПРАВЛЕНИЕСИ
БИЛЕН МЕДЕНИЕТ МИНИСТРЛИГИНИҢ ОРГАНЫ

ЭДЕБИЯТ ВЕ СУНГАТ

1958-нжи йылың 5-нжи июлындан бәри чыкяр

№ 81 (2065) • 1979-нжы йылың 13-нжи октябры. Шенбе • Бахасы 3 копук

# ETNAJ KONFLIKTOJ EN IRANO




El la proksimume 35 milionoj da enloĝantoj de Irano, pli-malpli la duono parolas persan lingvon, dum la aliajn lingvojn parolas:

| | | |
|---|---|---|
| 7.000.000 | - | la azerbajĝanan, |
| 4.000.000 | - | la kurdan, |
| 500.000 | - | la turkmenan, |
| 500.000 | - | la araban, |
| 500.000 | - | la baluĉan, |
| 160.000 | - | la armenan, |
| 135.000 | - | la aturan |

kaj la resto aliajn lingvojn, ekzemple la taĝikan, la ciganan.

La nova reĝimo de Irano sub fermana gvidado de Ĥomejni ŝajnas simple same trakti la etnajn minoritatojn kiel la imperiestra reĝimo: ne lasi al ili kian ajn aŭtonomion. La reago estis tuja kaj daŭras intensega. Same kurdoj kiel araboj kiel azerbajĝananoj, turkmenoj kaj baluĉoj manifestacias tra siaj urboj kaj provincoj. La nova diktatoro sendas siajn revoluciajn gvar-

diojn kaj siajn mortigo-juĝistojn en la ali-etnajn regionojn. La ribeloj en la periferio estas tiel alt-tensiaj, ĉar la malkontentuloj havas sam-etnajn fratojn translime: en Azerbajĝana Soveta Socialisma Respubliko, en Turkio, Irako, Kuvajtio, Saudarabio, Pakistano, Afganistano kaj Turkmena Soveta Socialisma Respubliko. Dum Turkio plej supozeble ne intervenos favore al la ignorataj kurdoj, la arabaj ŝtatoj kaj Sovetunio eventuale - eĉ se nur pretekste - povus helpi siajn parencojn. Jam videbliĝis unuaj signoj de tiu eventualaĵo: En Kurdio kaj Azerbajĝano leviĝas grupetoj de la ekstrema maldekstro; Irako laŭdire armile atakis Iranon; Afganistano - ni ne forgesu ke ĝin direktas senpere Soveta Unio! - incitas la balucojn.



Jen manifestaciantoj en Tabrizo (Azerbajĝano) kiuj protestas kontraŭ la nova diktaturo de Ĥomejni kaj kiuj estas adeptoj de alia "ajatolo": Ŝarjat Madari, kies bildon ili promenigas tra Tabrizo.

Kiel la reĝimo de Irano mem prezentas la aferon?

La INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ (IKEL) skribis la 8-an de oktobro 1979 al la irana ambasado en Bono (FRG) protestante kontraŭ la genocido praktikata de Irano kontraŭ la tiulandaj etnaj minoritatoj kaj postulante la tujan ĉesigon de tiu agado kiu klarege malrespektas la internacie proklamitan rajton pri memdetermino de la etnoj. - La 16-an de oktobro 1979 la "Ambasado de la Islama Respubliko Irano" en Bono skribis jenon:

"Tre estimata sinjoro Moritz, responde al via skribaĵo de la 8-a de oktobro ĉi-jara ni deziras komuniki al vi ke viaj informoj baziĝas sur malĝuste disvastigitaj onidiroj kaj neniukaze respondas al la faktoj. - La sendado de armeaj taĉmentoj al Kurdio estas farita por protektado de la enloĝantaro kontraŭ la kontraŭrevoluciuloj kaj laŭ eksplicita deziro de la kurda enloĝantaro. - Kun afablaj salutoj /subskribo/ Mehdi Navab, aferŝarĝito a.i."

Poste ETNISMO petis rekte el Irano informojn. Evidente, tiuj informoj kontraŭdiras la mizeregan respondon de la irana ambasado de Berno (Svislando) kiu estis asertinta ke en Irano tute ne ekzistas etnaj minoritatoj (komparu ETNISMO-n 22, p. 2o), kaj same tiuj plej freŝdataj informoj substrekas la malfacilegan situacion precipe de la kurdoj. Nia kontaktito diras ke la reĝimo ne volis lasi aŭtonomion al la minoritatoj, sed ke ŝajnas ke nun ĝi ja devas cedeti pro la supre menciitaj ribeladoj.

**MEMBROJ DE IKEL, LEGANTOJ DE ETNISMO, SKRIBU AL LA VIALANDA AMBASADO DE IRANO, PROTESTU KONTRAŬ LA SUBPREMO DE TIEAJ ETNOJ!**



La man-interplekto de la ĉefaj katalunaj politikistoj okaze de la reveno de delegacio el Madrido, post interkonsento pri la statuto, trompas: Josep Tarradellas, la prezidanto de la provizora "Generalitat" (meze en la foto), plurfoje provis malrapidigi la definitivigon de la statuto klarvidante ke li certe ne duan fojon okupos la prezidanto-seĝon kaj klopodante plifortigi la katalunan dekstron --- tiu sama Tarradellas kiu antaŭ la intercivitana milito estis aktivisto de la "Respublikana Maldekstro de Katalunio" ..... Nu, la statuto intertempe estas voĉdonita referendume kaj (ree) parlamente, kaj baldaŭ okazos la unuaj elektoj por la kataluna parlamento. Sed en Katalunio pluekzistas opozicio kiu opinias la statuton ne sufiĉa. Jen kritika artikolo de JOAN RAMONEDA:

# KATALUNA STATUTO.... ĈU JES?

Entrepreni kritikon de la statuto de Katalunio - se oni volas esti maksimume objektiva - estas komplika tasko. Oni devas konsideri la politikan signifon de la statuto por la katalunoj kaj por la "demokratia" politiko de la hispana ŝtato, el malsimilaj vidpunktoj. Pro tio ĉi nepras klarigi antaŭ ĉio ke temas pri mallonga artikolo kaj ke certe multaj aferoj restos neskribitaj. Ni povas diri, do, ke tiuj ĉi linioj nur pretendas esti kritika informo pri la kultura - kaj sekve politika - signifo de tiu ĉi statuto.

La nuna socia stato de la katalunoj kaj ties teritorio estas determinita de historiaj kialoj, kiuj dum multaj jaroj estis firme ligitaj al ilia kataluneco. Tio estas ke, inter aliaj, la historiaj faktoj mem ebligis ke la katalunoj akiris nacian konscion.

Neniu klere povas nei la socian realon kiu kunigas la Katalunlandaron (*). La deklaracioj de organizoj kiel la IEC (**) pri la aserto ke la kataluna lingvo estas io unueca ekde Salses ĝis Guardamar kaj ekde Fraga ĝis Maó (kp. la skizeton) kaj en L'Alguer (nordokcidenta Sardio); la granda kvanto da studoj publikigitaj fare de historiistoj; la retrovo de parto de la identigaj faktoroj kiuj ĝis nun estis al ni kaŝitaj; la klare politikaj eventoj okazintaj en la Katalunlandaro, pli antikvaj ol eĉ multaj modernaj nacioj --- ĉio ĉi kondukas al socia kaj politika kontraŭdiro inter la klopodo de la moderna ŝtato nei kaj ignori la realan ekziston de la Katalunlandaro kaj de la bezono kiun havas la katalunoj havi rekonitaj siajn rajtojn kiel popolo.

La statuto de Katalunio estas la leĝo per kiu reguliĝos la politikaj rila-

toj inter la registaro de Katalunio kiel aŭtonoma komunumo kaj la madrida registaro. La statuta teksto estis aprobita dum asembleo de la katalunaj parlamentanoj la 29-an de decembro 1978, poste ĝi estis negocita en la Palaco de la Moncloa (sidejo de la hispana ĉefministro). Okazis kelkaj modifoj, spite al la eldiro de la katalunaj parlamentanoj ke ili malpermesos ĉian eltondon. La 25-an de oktobro 1979 la statuto estis ratifikita de la kataluna enloĝantaro. Jen la procentaĵoj:

| | El la censo | El la voĉdonintoj |
|---|---|---|
| JES | 53,28 | 88,15 |
| NE | 4,7o | 7,78 |
| blankaj | 2,16 | 3,57 |
| nevalidaj | o,28 | o,47 |
| voĉdonintoj | 6o,44 | |
| sindetenoj | 39,55 | |

La bazajn trajtojn kiujn ni taksas plej gravaj ni povas konstati farante tri demandojn:

1. Ĉu la statuto kiel ĝenerala leĝo plenumas la verajn bezonojn de la Katalunlandaro?
2. Kian aŭtonomion garantias la statuto por Katalunio?
3. Ĉu la statuto estas ŝtupo por Katalunio?

Unua demando

La statuto, laŭ la artikolo 2, havas kiel koncernatan teritorion la Katalunan Princlandon (***), kiu koincidas kun la nunaj provincoj de Barcelona, Tarragona, Lleida kaj Girona (****). Ĝi rekonas por Katalunio la oficialecon de la kataluna lingvo kaj de la kvarstria flago (ruĝaj horizontalaj strioj sur flava fono), kio povus signifi ekskluzivecon por Katalunio kaj marĝenigon de la cetero de la Katalunlandaro havanta la samajn lingvon kaj flagon.

La katalunaj landoj, krom ne havi la eblecon starigi politikajn interligojn, ne rajtos ekonomie aŭ kulture interrilatiĝi (kp. art. 27, alineoj 1 - 4) sen antaŭa aprobo far la Ĝeneralaj Kortesoj de la hispana ŝtato.

Tiel, do, la statuto helpas la socian kaj kulturan disigon de la katalunaj landoj. Ni povas diri ke ĉi tiu estas unu el la klare videblaj okazaĵoj kie la leĝo kaj la veraj sociaj bezonoj diverĝas. Statuto ne rekonanta la eblecon de politikaj kaj kulturaj rilatoj inter la partoj de la Katalunlandaro klare kontraŭstaras ĝian historian unuecon.

Dua demando

Tre skize ni elprenos kelkajn erojn el la statuta teksto: Laŭ la artikolo 3, alineo 2, estas rekonitaj kiel oficialaj lingvoj en Katalunio la kataluna kaj ankaŭ la kastilia, entute forgesante la pruvite regresan fakton kiun reprezentas la dulingvismo por komunumo, ĉefe je kultura kaj kleriga niveloj. Rilate al la dialekto de la okcitana lingvo, parolata en la Aranvalo (provinco de Lleida) estas skribite ke ĝi ricevos specialan respekton kaj instruadon ... ? ... konkretigante nenion plian. - En la artikolo 5, alineoj 1 - 3 estas akceptitaj la "komarkoj" (*****) kaj la municipoj kiel la teritoriaj eroj de Katalunio, sed en la alineo 4 estas dirite ke

tio ne forigas la organizon laŭ provincoj kiel teritoria disdivido de la ŝtato. Tio signifas ke la provincoj estas konservataj kaj kun ili ankaŭ la civilaj registaroj kaj "deputacioj" kiel politikaj-administraciaj filioj de Madrido. - Koncerne la ekonomian planadon estas limigita decidkapablo ekskludante, laŭ la artikolo 12, alineo 1, punkto 2, industrion submetitan al la leĝaro pri minoj, hidrokarbidoj kaj atomenergio. Oni submetas Katalunion al la planoj aŭ programoj de la registaro de la hispana ŝtato. - Rilate al la aŭtonoma polico, laŭ la artikolo 13, alineo 1 - 3, ekzistas la ebleco krei far la "Generalitat", t.e. la kataluna registaro, novajn branĉojn, sed la alineo 4 klarigas ke restas rezervita al la ŝtata polico la ekster- kaj superkomunuma agado, t.e. la gardado de mar- kaj flughavenoj, marbordoj, landlimoj, dogano, kontrolo de eniro kaj eliro, enmigrado kaj elmigrado, pasportoj, identeckarto, trafiko de eksplodigiloj kaj armiloj, ŝtata fiska protekto, kontrabando, fiska trompo ktp.. Sed poste la artikolo 14, alineo 1, punkto b, avertas ke la ŝtata polico povas agi propraıniciate, kun la aprobo de la "Generalitat", se ĝi konsideras grave kompromitita la intereson de la ŝtato. Kaj ... en kazo de urĝeco, tiu ŝtata polico rajtas tuj interveni sub la nura respondeco de la Madrida registaro! - La artikoloj parolantaj pri la kompetentecoj de la "Generalitat" estas konstante limigitaj de la konstitucio kiu rezervas al si la bazan rajton plani la grundon, la kulturon kaj eĉ la arkitekturon. - Tio ĉi estas eta specimeno de la statuto de Katalunio.

Tria demando

Se ni havus metafizikan supervidon de la socio, ni asertus, kiel faris la politikaj grupoj defendintaj jesan voĉdonon, ke tiu statuto signifas supreniri unu ŝtupon, tial ke estas rekonitaj, almenaŭ minimume, la rajtoj kiujn havas la katalunoj kiel popolo, eĉ propra registaro.

Krome, se ni konsideras ke la nacia afero de la katalunoj ne estas nur kultura, sed ankaŭ ekonomia kaj politika kaj pro tio interne ligita al la klasbatalo, ni komprenos ke estas vere malfacile aŭ eĉ neeble ke la hispana ŝtato akceptu aŭtentikan registaron por la katalunoj aŭ por kiu ajn alia subpremata nacio. Tio ĉi estas jam akceptita far tiuj politikaj grupoj kiuj jese voĉdonis la konstitucion, kiu malpermesas larĝajn aŭtonomiojn kaj memkompreneble proprajn registarojn.

Prezenti, do, la rezulton de la referendumo pri la statuto kiel sukceson estas ago entute demagogia!




Klarigoj:

(*) Katalunlandaro konsistas el: la Kataluna Princlando, la Princlando de Andoro, la Valencia Lando, la Baleara Insularo kaj Norda Katalunio.

(**) Institut d'Estudis Catalans

(***) Ankoraŭ uzata esprimo malgraŭ la malapero de regantaj princoj.

(****) La divido en provincojn ekzistas de la epoko de la Katolikaj Gereĝoj.

(*****) "Komarko" estas tipe kataluna distrikto.

* * * * * * * * * * * * *

# PLATDIĈA LIBRO-FOIRO

**La ĉi-paĝa artikolo, en la platdiĉa, aperis la 22-an de junio 1979 en "Nordwest-Zeitung" de Oldenburgo (Malsupra Saksio, FRG). Ĝi raportas pri libro-foiro organizita de la tiu-urbaj librovendistoj kaj la urbadministracio. - La tri-parta titolo tekstas: "Ili parolis kvazaŭ ili neniam farintus ion alian: La platdiĉa estas pli ol malnovaj ŝerc-rakontoj. Pruvo: libro-foiro". Jen resumo:**

**Dum lerneje, laboreje la homoj forgesas sian platdiĉan denaskan lingvon, okazis alie dum la platdiĉa libro-foiro en Eversten /kvartalo de Oldenburgo/. Urbestro Averbeck demandis ĉu tia foiro estas risko. Sed la granda nombro da vizitantoj - ankaŭ junaj - kiuj aŭskultis la kantistojn kaj verkistojn, foliumadis la 600 librojn kaj multaj aĉetis ion, pri kies ekzisto oni ne sciis. Alia parolanto insistis ke la platdiĉa ne mortos dum la homoj uzos ĝin.**

**La kantistoj kaj verkistoj demonstris per siaj recitaloj ke platdiĉe ili traktas ankaŭ aktualaĵojn, ekz. la mankon de benzino kaj la profitadon far multnaciaj firmaoj el ĉi tiu mankego, la senlaborecon kaj medio-malpurigon.**

* * *

*Se snackten, as wenn se sinoit wat anners dohn haaren:*

## *Plattdüütsch is mehr as olle Döntjes*

### *Bewies: Bookmesse*

*Över't Week, wenn se in't School sünd, ehr Arbeit nagahnt oder mit de Lüü van't Amt to doon hebbt, vergäten se ehr plattdüütsch Moederspraak, man Körtens wer't heel anners: De Ollnborgers snackten, de Oostfreesen prooten, as wenn se sinoit wat anners dohn haaren: De nedderdüütsche Bookmesse in't Schoolzentrum van Eversten maak't mögelk.*

*Börgmester Averbeck gung toerst ook up Platt tokehr, man denn snackt he doch up Hochdüütsch wieder, as he meente, de Bookmesse wehr viellicht een Risiko, dat de „Arbeitsgemeinschaft Oldenburger Buchhändler“ un de Stadtverwaltung als Veranstalters dor ingahn weern. Man de groote Hoop van Lüü, de hum in dat „Forum“ tohören deen, hett hum woll dat beeter bewiest, as irgendanner wat dat dohn kunn. Ook junge Lüü hebbt dat woll up't Luur, un wenn se to de Eröffnung ook wall komen sünd, wiel se Jan & Jürn, Hein Bredendiek und Oswald Andrae hören wullen: Se heppt ook in de 600 Booken rumwöhlt, de dar utliggt, un mennig een hett wat köfft, van dat he bit denn woll gor nicht weeten hett, dat dat dat gifft.*

*Un ook Joachim Barfknecht, för de „Arbeitsgemeinschaft“ snacken dee, hett dat woll wüsst. Dat Plattdüütsche muß lebendig blieven, see he. Platt mut bruukt warn van de Lüü, denn starvt de Spraak ook net. Un das was ook nicht so, dat een as leeg un minn anluurt wohrt, wenn he Platt snackt. He haar woll recht, as he meente: „Do wat du wullt, de Lüü snackt doch!“*

*Dat Plattdüütsch leven deit, hebbt Jan & Jürn, Hein Bredendiek und Oswald Andrae all de Lüü beweesen, de ehr in't „Forum“ toohöört hebbt. Hein Bredendiek hett mit weenig Bispillen beleggt, dat Plattdüütsch nich bloot olle Döntjes sünd, de olle Lüü süük vertellen dohnt. In een van sien nee „Monologe“ brocht he dütlich dar, wo de Mooder mit ehr Söön schellen deiht, de dat nich deiht, wat se woll will. Un Oswald Andrae har sogar all een Woort över to de „Benzinknappheit“, mit de een Handvull Multis dat groote Geld maken willt.*

*Up platt sungen Jan & Jürn van Arbeitslosigkeit und schlegte Utbildungschancen för junge Lüü in Ostfreesland. Man se wussen ook woll to singen van de moje Sieden, de Land un Lüü tüschen Eems und Weser hebbt.*

*Un as wenn dat nich anners wesen kunnt har: „Dat hebb ick in't Luur“, sungen se, un meenen de Mull un Schiet, de use Land verpesten dohnt, un so mutt dat ook wall mit dat Plattdüütsche wiedergahn: Schrievers und Singers mutten't in Luur hebben, wat dor vör sük geiht in use Land. Wenn se dat dohnt, blifft Platt bestahn. Un wenn de Bookmesse denn noch een Hoop vull Lüü dor to brenggt, dat ook to koopen, to lesen oder totohöhrn, wat Schrievers und Singers to verteln hebbt, denn geiht dat all kloar.*

**Ludwig Rademacher**



*Tied toot döörblaadern mutt mitbracht warn, wenn een dor watt van hebben will: 600 verscheedene Bööker woorn anbooden.*
Bild: Schmidt

# ETNO.....

# kio estas tio?

En la statuto de la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ ( IKEL ) legeblas, en punkto 2.1.: "La asocio bazas sian agadon sur la principo de suvereneco de ĉiu etno en la kadro de tuthomara solidareco. La konsistigaj elementoj de etno estas la komunaj denaska lingvo kaj tradicio." (La substreko ne troveblas en la originalo.)

Venis poŝtkarto de Jonathan Pool, Seattle, Usono, kritikante la ĉi-supre cititan punkton kiu - laŭ Pool - "neas ne nur aliajn etnecerojn objektivajn sed ankaŭ la rajtojn eksetnaniĝi, alietnaniĝi, senetnaniĝi, pluretnaniĝi; krei kredbazajn, vivstilbazajn ktp. etnojn kc. Ĝi mallaŭas do la etnan liberon kaj oftajn etnajn kondutojn."

Evidente necesas formi laŭeble klaran ideon pri la signifo de ETNO. La difino prezentata de Plena Ilustrita Vortaro neniel helpas, ĉar en ĝi (t.e. en la difino de GENTO, al kiu la leganto estas sendata) mankas ĉia mencio pri lingvo.

Nu, ŝajnas sensence kompreni la terminon ETNO kiel kian ajn HOM-GRUPO-n, kiu povas karakteriziĝi per komuna amo al la natura, komuna politika ideologio, komuna ŝakludemo, komuna kontraŭalkoholismo, komuna di-imago ktp. Ekskluzive tiaj inklinoj ne kutimas formi apartajn sociojn pli-malpli sendepende funkciantajn. Ĉu ekzistas "la katolika etno", "la kristana etno", "la socialista etno", "la etno de la alternativa vivado"? Tute ne. Konsiderante tiajn karakterizaĵojn ni ne uzas la terminon ETNO, sed ni parolas pri partioj, (iaj) komunumoj, sektoj, (ies) anaro k.s. Ĉiuj ĉi grupiĝoj okazas same interne de etno kiel trans etnaj kadroj.

Eventuale plejkonvenas kunmeti, provizore, plurajn parencajn terminojn por poste povi disigi ilin iom trafe. Jen troveblas NACIO, POPOLO, ŜTATANARO, GENTO, TRIBO.

Supozeble plejfacilas elimini POPOLO-n, ĉar ĝi havas tiom da diversaj sencoj ke ĝi ne estas uzebla por klare diferencigi sen aldoni kuntekston kaj determinajn adjektivojn. Tiel okazas ke jen ETNO estas anstataŭigebla per POPOLO, jen ĉi tiu vorto celas MALRIĈULARO-n, jen ŜTATANARO-n, jen pluraj etnoj estas kovritaj per unu POPOLO ktp.

ŜTATANARO relative senprobleme difineblas, ĉar simple temas pri tiuj personoj kiuj estas civitanoj de certa ŝtato kaj posedas tion-pruvan dokumenton. Diversaj ŝtatanoj povas aparteni al diversaj etnoj, kaj iuj personoj - depende de interŝtataj kontraktoj - povas posedi pluroblan ŝtatanecon.

GENTO kaj TRIBO certe jam ne plu estas adekvataj por nomi hom-grupojn sur sufiĉe evoluinta civilizaci-nivelo. Ali-vorte, en socioj spertintaj dum jarcentoj kaj eĉ jarmiloj konscian organiziĝon kun pli-malpli vastiĝanta horizonto geografia kaj mensa perditis la imago ke nur la tujaj najbaraj familioj kaj klanoj formas la tuton de "sociaj parencoj". Tiuj socioj eniris pli-malpli ampleksan a n o n i m e c o n kaj i n d i v i d u e c o n. En la antikva epoko, certe adekvatas paroli pri ĝermanaj gentoj kaj triboj, same pri helenaj kaj italiaj, keltaj kaj slavaj, kiel nuntempe ja trafas la sociajn memlimigojn en amaso da afrikaj ŝtatoj, kie ofte determinas la politikajn celojn la relative malvasta tribo aŭ gento, dum oni restas indiferenta koncerne la tutan samlingvularon kaj koncerne la ŝtaton.

NACIO sendube estas esprimo kun ege disputata enhavo, sed valoras klopodi pri finfina disigo de esence diversaj - diversamotivaj kaj diversacelaj -

ideoj ĉu neglekte, ĉu malice kovrataj per unusola mantelo. Dum slavoj kaj germanoj de pli-malpli 2oo jaroj nomas nacio tiun hom-grupegon kiu parolas saman lingvon kaj samkaze konsideras esence samajn tradiciojn kiel siajn, en suda kaj okcidenta Eŭropo - precipe sub la influo de la franca revolucio de 1789 - kaj nuntempe pli kaj pli tra la tuta mondo oni uzas tiun ĉi saman terminon por simple nomi tiun hom-grupegon kiu vastasence konsentas esti unu "ŝtat-popolo", pli-malpli aktiva portanto de la ideo de aparta socia organizo, en kiu - almenaŭ origine - ne gravas, ĉar ne interesas ĉu ekzistas aŭ ne lingvaj, tradiciaj diferencoj. Gravas la idolo de la unueco, kiun forĝas kutime la soci-politike komuna malamiko: unue, la nobelaro, poste, la burĝaro alt-tavola.

Restas por sintezi la aspekterojn kiuj rilatas la lingvon. Frapas nin tuj la ripetade diskutata problemo de distingo inter LINGVO kaj DIALEKTO. Ĉi-lasta termino ĉiukaze celas nur "sub-sistemon" de certa lingvo kaj, do, troviĝas interne de la kadro de tiu lingvo (ĉu tiu ĉi ekzistas en unueca formo aŭ ne, tute ne gravas por la prijuĝo). Ni nomu LINGVO tiun sistemon de sonoj, vortoj kaj gramatikaj reguloj (fonetiko, leksiko, morfemologio, sintakso ...) kiu permesas la plenan interkompreniĝon de parolantoj, kvankam eventuale nur inter najbaraj dialektoj. Jes ja, ankaŭ tiu ĉi difino ne solvas ĉiujn problemojn: Ĉu la nederlanda kaj la germana ne estas du memstaraj lingvoj nur ĉar ekzistas neniu kompren-obstaklo inter la plej okcidentaj germanaj dialektoj (ekz. en la regiono norde de Akeno) kaj limburga dialekto de la nederlanda? Ĉu eventuale havas sencon paroli pri interlingvoj aŭ interlingvaj dialektoj?

Do, ETNO estas konvena termino por nomi tiun hom-grupegon kiu parolas la saman lingvon k a j konsideras sin historia unuo surbaze de aro da kulturaj, politikaj tradici-eroj. Tiel, evidente, ne simple ĉiuj angla-lingvuloj en la mondo formas la anglan etnon, sed povas ekzisti (kaj supozeble fakte ekzistas) pluraj etnoj, kies kerna karakterizaĵo estas la angla lingvo. Ĉu nomi ilin "kanad-angla", "aŭstrali-angla", "sudafrik-angla", "uson-angla" ktp.? Kion diri pri la angla-lingvaj negroj en Usono, Sudafriko aŭ aliloke? Ili ja povas, sed ne devas konsiderati kiel membroj de la koncernata "(region-)angla" etno, se ili sin mem juĝas integraj partoj de tiu grupo; aliakaze ili konsistigas simple la "etnon de la angla-lingvaj negroj en, ekz., Usono". Konsentite, la esprimo estas iom peza, kaj eventuale la koncernatoj jam nomas sin pli koncize.

Ĉu imageblas - por reveni al la objetoj de Pool - ke iu persono SENETNANIĜAS? Jes ja: Se iu homo objektive ne estas prefere ligita al unu lingvo kaj la tradiciaro de unu hom-grupego, tiu persono ne estas metebla en la "skatolon" de kiu ajn etno, kaj transiro en tian staton ŝajnas almenaŭ pensebla, eĉ se tia kazo - ankoraŭ sufiĉe - malofte troveblas. Same ALIETNANIĜI okazas kiam iu svedo pli-malpli komplete integriĝas en la suoman etnon kaj tranĉas siajn - precipe sentajn - rilatojn al la sveda komunumo. Estas dubinde ĉu homo povas samtempe tiom radikale identigi sin kun la tradici-valoraro de diversaj etnoj kiom premisas PLURETNANECO. (Se plurobla ŝtataneco kaŭzas relative malmultajn sento-problemojn, jam plurnacianeco kreskigas la cel-konfliktojn.) Tiel, do, eblas EKSETNANIĜI por merĝiĝi en alia etno aŭ por ... homaraniĝi, se oni volas akcepti HOMARON kiel superan kadron de hom-grupego ne ligita al unu etna lingvo kaj moviĝanta sur la fono de la tutmonda tradiciaro (kiom tio eblas ...).

Estas konstatende ke la statuto de IKEL neniel neas la supre menciitajn evoluojn, paŝojn kaj sintenojn. Same tiu ĉi statuto tute ne parolas pri ŝtatoj, nacioj, religiaj komunumoj, nek pri triboj kaj gentoj ktp. Tamen oni ne konkludu el la ne-mencio ke IKEL neas la ekziston (kaj valorojn) de tiuj sociaj faktoroj kaj organizo-formoj.

Plejklaras ke tiu - almenaŭ supraĵa-rigarde - terminologia demando estas pludiskutenda. Do: Kiu kontribuos al tiu ĉi debato?

* * * * * * * * * * *

# KONCIZE EL .....

LUCERNO. "Ha me o komz deoh en ano bureo Kevredigez-Divenn ar Yezou Minorezel, bodet e Kêr-Luzern, emaon laouen-tre oh implij dirazoh ar brezoneg, ar yez-se hag a zo hini eur seiz kant mil bennag a dud em bro, e Breiz.
Peb den e-neus ar gwir da ober gand e yez, med hirio-en-deiz e welom ar yezou braz o vouga ar yezou bihan. Eur yez neptu, evel an esperanteg, a zo anezi eur benveg euz ar gwella evid divenn ar yezou bihan. Marteze, ma teu ar brezoneg da drehi a-benn ar fin, e vo a-drugarez d'an esperanteg.

Setu perag ez eo naturel evidon da lavared deoh: Bevet ar Brezoneg! Bevet an Esperanteg! Dankon."

Marcel TEXIER, la ĝenerala sekretario de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK), dimanĉon, la 29-an de julio 1979, posttagmeze, kiel unua salutanto direktis la ĉi-suprajn vortojn al la 64-a Universala Kongreso de Esperanto. Liajn breton-lingvajn salutojn oni internacilingve rediris:

"Kiel Ĝenerala Sekretario de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj kaj nome de la estraro de nia asocio kunveninta hodiaŭ en Lucerno, mi estas tre feliĉa paroli al vi en la bretona, lingvo kiu estas ankoraŭ parolata ĉiutage de pluraj centmil personoj.
Ĉiu homo havas la rajton paroli sian propran lingvon, sed hodiaŭ la grandaj lingvoj manĝas la malgrandajn. Neŭtrala lingvo kiel Esperanto estas certe elstara instrumento por defendi la malgrandajn lingvojn. Eble la bretona pluvivos nur dank'al Esperanto.
Estas do tute nature ke mi finas dirante: Vivu la bretona! Vivu Esperanto! Dankon."

RENNES. Gilles Quillévéré, de Plouarzel (norda Finistero en Bretonio) sukcesis en sia abiturienta ekzameno, por kiu li verkis la skribajn taskojn en la bretona lingvo --- absolute escepta procedo en Francio! Li estis bonŝanca trovinte ĵurion kiu konsentis transdoni la ekzamenaĵojn al breton-lingvaj korektistoj pri historio, geografio kaj fiziko. (La sama kandidato jam en 1976 estis farinta same en filozofio. Malgraŭ sukceso en tiu ĉi fako li ne atingis la necesajn punktojn en la tuta ekzameno.)



Demandite pri la motivoj de sia eksperimento, Quillévéré eksplikis en gazetar-konferenco en Rennes: "Por bretono kiu pensas kaj sonĝas en la bretona, ekzistas nenio pli natura ol subiĝi al la abiturienta ekzameno bretonlingve. Por mi, la franca lingvo estas same fremda lingvo kiel la angla." La kandidato devis tradukadi por si ĉiujn kursojn kiujn li partoprenis en la bretonan, kio - liadire - ne kaŭzis troan ŝarĝon, ĉar la bretona lingvo estas tiel fleksebla ke facile oni esprimas ĉiujn sciencajn nociojn.

Michel Denis, prezidanto de la Kultura Konsilantaro de Bretonio, substrekis ke la agado de Quillévéré estas la konsekvenca apliko de la Kultura Ĉarto (kiun bretonaj aktivuloj juĝas ĝis nun ne realigata).

GÖTTINGEN. La "Societo por minacataj popoloj" (germane: Gesellschaft für bedrohte Völker, Postfach 159, D-3400 Göttingen) komence de decembro 1979 apelaciis al la Federacia Registaro en Bono finfine agnoski ke minimume 500.000 ciganoj estis murditaj far la nazia reĝimo kaj ke la posteuloj kaj savitoj rajtas ricevi normalan kompenson kiel ĉiuj aliaj viktimoj de la nazia teroro.

RAPORTO DE MEMVIDINTO

RICHARD ARENS

# AĈEOJ

## MORTIGEJOJ EN PARAGVAJO

(Daŭrigo el n-ro 22)

Unu afero, tamen, estis klara. Pro tio ke la indianoj tradicie enterigis siajn mortintojn en la ĝangalo, la tomboj sugestis aŭ tute psikologian kaj kulturan malordigon flanke de la indianoj aŭ rifuzon de la Novaj-Triboj-Misiejestraro permesi al indianoj enterigi siajn mortintojn laŭ sia religio.

Dum mi kunestis kun pli kaj pli da indianoj mi trovis min enprofundiĝinta de la kolektiva malĝojo de popolo kiu rezignis pri la vivo. La administristo demandis min kiel la indianoj impresis min. Mi respondis: "Ili estas terure depremitaj." "Subpremitaj?" demandis la administristo indignite. "Ne, d e p r i m i t a j," mi respondis --- kaj la administristo eklevis la ŝultrojn kvazaŭ pri io negrava. Tamen, la homoj kune portis mienon de grupo da funebrantoj ĉe enterigo, kaj tio estas maltroigo, ĉar la esprimo de funebrado ŝajnis kunmiksiĝi kun malespero.

Mi estis enironta alian indianan domaĉon, sed haltigis min indianino, Kaj Ĉe Ke. Ŝi ĵetis sin al mi kun vizaĝo tordita pro malĝojo, sed sen larmoj. Ŝi raportis ke kvar el ŝiaj infanoj mortis antaŭ nelonge en la rezervejo sen medicina atento. Enirinte la domaĉon, mi renkontis moro-indianon ĉirkaŭ 2o-jaran penegantan teni sin en sid-pozicio, kiu, laŭ la kutimo de lia tribo, estas la ceremonia pozicio antaŭ la morto. La misiejestro, kiu antaŭe diris al mi ke ne ekzistas sanproblemo, eniris kaj diris ke tiu ĉi indiano estas mortanta pro tuberkulozo kaj ke nenion oni povas fari por li. Kelkaj malgrasegaj infanoj troviĝis en la fono. La familio de la mortanta indiano, kies nomo estis Epajai (kvankam la blankhaŭtuloj, kontraŭ lia deziro, nomis lin Roberto), montris al mi botelon de aspirino, la medikamento kiun oni donis al li kontraŭ lia malsano. Li suferis konvulsiojn pro stomakspasmoj kaj tusado, kaj li diris al mi, pere de la interpretisto, ke li ne povas plu stari rekte.

Mi demandis la rezervejestron kial Epajai ne povas iri per nia aviadilo al malsanulejo. La administristo respondis ke li ne povas pagi. Kiam mi diris ke li ne portus la elspezojn, li respondis ke la indiano estus malfeliĉa for de sia familio. "Ĉiuokaze, oni ne povas ion ajn fari por li," li finis. La administristo tiam tuj kontraŭdiris sin per la vortoj ke la indiano laboris en la kampoj kelkajn tagojn antaŭe - kaj tiam aldonis rapideme ke li estis faranta nur malpezan laboron. Denove li rifuzis peton permesi al la indiano iri al malsanulejo. Kiam ni forlasis la domaĉon, alia grupo da moro-indianoj ĉirkaŭis nin. Denove, elstaris la foresto de normala proporcio de viroj. Multaj ploris kaj diris ke post nia foriro ili baldaŭ mortos. Moro-virino ĉirkaŭ 5o-jara (sed laŭaspekte multe pli maljuna) tenis min ĉe la brako kaj diris ke ŝi ne volas vivi. Mi tenis ŝian manon kaj diris la kutimajn supraĵajn vortojn pri espero. Ŝi resaltis, sed respondis senamare: "Mia edzo mortis antaŭ nelonge kiel ankaŭ la cetero de mia familio. Mi volas sekvi ilin."

Ni pasigis ĉirkaŭ du horojn en tiu rezervejo. Survoje al la flugmaŝino ni inspektis kelkajn el la primitivaj kuirpotoj, kiujn uzis la indianoj. Ni trovis nenion manĝeblan, sed ni vidis odoraĉantajn besthaŭtojn, verŝajne por indianaj manĝoj. La fizika aspekto de la plenkreskuloj kutime estis malgrasega. Infanoj variis: Kelkaj montris la kutimajn signojn de nesufiĉa manĝaĵo, aliaj la ŝveliĝintecon kiun mi vidis en "Colonia Nacional".

Kiam ni eniris la aviadilon, indianoj provis prokrasti nian foriron kvazaŭ la vivo mem dependus de nia restado. Kelkaj el ili tenadis la aviadi-

lon kvazaŭ por teni ĝin surtere. Por unu-du minutoj ĉiuj ni, kaj precipe la aviadisto, sidis senmovaj responde al ilia petego. Tiam kvazaŭ ili akceptus la verdikton kontraŭan, la geviroj kiuj ĉirkaŭis la aviadilon flankenpaŝis. La aviadisto ekfunkciigis la motoron. La aviadilo forflugis kaj la malfeliĉaj moro-indianoj malaperis en la malproksimecon.

Je la 7-a matene la 2-an de septembro 1977 mi havis rendevuon aranĝitan de la usona ambasadejo kun la paragvaja ministro de defendo, Marcial Samaniego. Akceptis min pluraj uniformitaj adjutantoj kaj tiam mi iris kun la ministro kaj la membro de la paragvaja inform-servo (mia sekurec-eskorto) kiel la sola interpretisto. Dum preskaŭ du horoj mi devis aŭskulti monologon de la ministro inter te-trinketoj donitaj al ni en porcelanaj tasoj replenigitaj kun preskaŭ embarasa reguleco.

La tono de la monologo estis eksterordinare amika. Paragvajo estas la plej bona amiko de Usono en la duonsfero. Ĝi toleras neniajn trans-ferkurtenajn ambasadojn. La ministro alproksimiĝis al mi konspire dum li klarigis al mi kiel mi aŭ kiu ajn usona civitano povus multobligi malgrandan kapitalon preskaŭ fulmrapide en Paragvajo sub taŭga gvidado. Mi havis apenaŭ okazon fari unu aŭ du demandojn pri la stato de la indianoj, al kiuj la ministro respondis dirante ke la situacio estas multe pli malbona en Brazilo. Tiumomente kalkanumklakaj uniformitoj eniris la ĉambron, ĉepinte la flugarmea generalo Ramalfo González. Mia intervjuo kun la ministro estis finita.

Nova etapo de la procedo estis komenciĝonta; oni eskortis min en alian konferencejon apud tiu de la ministro por ankoraŭ plia elmetiĝo al la paragvaja registaro-sistemo. La kunvenon ĉefis generalo Ramalfo González. Grupo da proksimume ok civile vestitaj personoj marŝis en la ĉambron tra unu el la aliaj pordoj kaj eksidis ĉe la konferenc-tablo. Kondukis ilin generalo Bejarano, la prezidanto de la Indiĝenista Asocio de Paragvajo, la oficiala registara grupo por indiana bonfarto. Ankoraŭ alia grupo da proksimume ses uniformitaj viroj akompanis generalon González kune kun la direktoro de indianaj aferoj, kolonelo Alberto Samaniego, kiu silentis de komenco ĝis fino kaj preskaŭ adoris, laŭ siaj zorgemaj ekrigardoj, sian ĉefon. Estis nenia dubo pri tio kiu estis ĉefo de la konferenco kaj pri la fina decido koncerne indianajn aferojn: flugarmea generalo Ramalfo González, unu el kies plej kolorplenaj "kampanjaj" rubandoj signifis tri jarojn da servo kiel paragvaja flugataŝeo en la politikaj kampanjoj de la vaŝingtona vizitado al koktelaj festenoj! Generalo González iam diris al superulo de la Inter-Amerika Fonduso, kiu venis el Vaŝingtono por propeti por politika malliberulo: "Mi ne akceptas vin kiel usonanon. Vi estas nur 'chicano' /ĉikano/." (Rimarkigo: "Ĉikano" ne estas malkomplimento, sed preskaŭ slanga nomo por meksikano vivanta en Usono.) Nun li uzis identan tonon al mi. Lia sugesto, tute ne vualita, estis ke mi reiru tien de kie mi venis, t.e. al orienta Eŭropo, kie la problemo pri perfortoj kontraŭ homrajtoj estas pli bone esploritaj ol tiuj en Paragvajo. Tion sekvis kruda provo pri mia politika pureco, kiam li petis mian opinion pri Solĵenicin kaj lia neakceptiĝo en la Blanka Domo. Esperante savi kion ajn mi povus el tiu ĉi konversacio, mi respondis ke Solĵenicin estas unu el la gravaj verkistoj de la mondo kaj ke la generalo komprenos ke oni ne konsiliĝis kun mi ĉu li estu akceptita en la Blanka Domo, sed ke sendube oni konsiliĝis kun ministro Kissinger. "Kissinger," daŭrigis la generalo, "ankaŭ ne estas amerikano. Li estas judo kaj germano." Rilate al mi, diris la generalo, kaj lia tono nun estis malvarme persekuta, mi publike kulpigis min pro kalumnio al lia lando kaj lia registaro. La sola kialo imagebla de la mensogoj, kiujn mi disvendis en "Genocide in Paraguay" estas la deziro detrui la solan stabilan kontraŭ-komunisman registaron en Sudameriko, kaj ke nur unu konkludon oni povas fari: ke mi estas komunisto.

(El: AKWESASNE NOTES, printempo 1978; tradukis: Roan U. Orloff-Stone; daŭrigota en ETNISMO 24.)

* * * * * * * * * * * *




# ELEKTOLEĜO MALHELPAS SLOVENOJN!

La germanlingva gazetara servo de la sloven-lingva semajn-gazeto NAŜ TEDNIK informas, la 8-an de novembro 1979, pri plendo ĉe la konstitucia tribunalo de Aŭstrio pro la elektoleĝo por Karintio.

La 7-an de oktobro 1979 la slovena kandidataro de "Kärntner Einheitsliste / Koroška Enotna Lista" (t.e. Karintia Unuec-Listo) estis akirinta, en la elektoj por la provinca parlamento, nur 4.279 voĉojn (dum en 1975 ankoraŭ la sama listo kunigis 6.130 voĉojn tiel ke mankis malpli ol 1.000 por ekokupi unu parlamentan seĝon) kaj neniun seĝon.

La plendo baziĝas sur la fakto ke laŭ la elekto-leĝo de 1979 la loĝteritorio de la slovenoj (suda Karintio) estas dividita inter la kvar kreitaj elekto-distriktoj. La slovena listo estis proponita en tri distriktoj. Se oni provizore akceptas kiel kalkulbazon la principe ege dubindan popolnombradon de 1971, rezultas 17.014 slovenoj kiel aŭstriaj civitanoj loĝantaj en Karintio, el kiuj pli-malpli 12.000 estas voĉdonrajtaj. Por akiri unu seĝon (el 36) necesis inter 7.703 kaj 8.125 voĉoj en unu el la distriktoj. La disdivido estis farita tiel "lerte" ke eĉ matematike maleblus koncentri la necesan nombron da slovenaj voĉoj. (Utilas memori ke en la antaŭaj elektoj tuta Karintio estis unu sola elekto-distrikto, tiel ke ĉiuj slovenaj voĉoj estis koncentreblaj.)

La plendanta KEL ne kontraŭstaras la disdividon de Karintio: Tio devis fariti pro konstituci-tribunala verdikto en la kazo de Burgenlando. KEL protestas kontraŭ la m a n i e r o de la disdivido kaj asertas ke la karintia registaro povintus formi distriktojn kiuj respektus la rajtojn de la slovena minoritato. Krome, KEL postulas plialtigon de la nombro de parlamentanoj por doni ĉiukaze ŝancon al la slovenoj reprezentati politike por defendi siajn kulturajn rajtojn.

KEL argumentas helpe de tuta serio da reguloj el la packontraktoj de 1920 kaj 1955 kaj el aldona protokolo pri la Eŭropa Konvencio pri Homaj Rajtoj de 1958.

La formala postulo de la KEL-plendo estas ke la tribunalo juĝu kontraŭaj al la aŭstria konstitucio la artikolon 7 de la karintia konstitucio (kie oni fiksis la nombron de 36 parlamentanoj) kaj la paragrafojn de la elektoleĝo kiuj tiel dividas la teritorion; krome la tribunalo nuligu la ĉijarajn elektojn komplete.

Ni raportos pri la rezultoj de la proceso.

## ĈU NUR AFABLA GESTO?

La 10-an de decembro 1979, la aŭstria ĉefministro Bruno Kreisky diskutis en Vieno kun anoj de la "Klubo de slovenaj studentoj" pri la problemaro de la slovenoj en Karintio. Li esprimis kontenton paroli kun homoj kiuj ne tuj samopinios kun li, kaj li emfazis ke li ne konsentas kun tiuj karintiaj politikistoj kiuj propagandas ke sensencas diskuti kun slovenoj. La ĉefministro esprimis, kompreneble, sian dubon ĉu ĉiuj postuloj de la slovenaj organizoj estas plenumeblaj .....
(Laŭ NAŜ TEDNIK - gazetara servo en germana lingvo, 37/79 de 12.12.1979)




# IKEL-INFORMILO 4

La membroj partoprenintaj la kunvenon de la 3o-a de julio 1979 en Lucerno perfekte memoras ke ni decidis ke dum somero 198o IKEL organizu renkontiĝon en Bretonio kaj ke ETNISMO pritraktu tiun ĉi regionon iom akcente. Jes ja, la estraro volonte plenumus tiujn decidojn, sed ... intertempe aperis obstaklo: AIDMLK definitive nuligis sian projekton kongresi fine de julio 198o en Bretonio, tiel ke ni ne plu povos alkroĉi la IKEL-kunvenon al tia kongreso. AIDMLK ĝis nun ne decidis kie aranĝi sian manifestacion, eventuale en la nova svisa kantono Ĵuraso, eventuale en Alzaco, eventuale en francia Flandrio ... Ĉar IKEL ankoraŭ ne povas certi pri la ebleco kunvenigi ĉiujn siajn membrojn por organizi memstaran kongreseton, jen la demando:

> ĈU IKEL KVAZAŬ BLINDE SEKVU AL AIDMLK POR KONGRESI KUN TIU ĈI, AŬ ĈU NI SERĈU ALIAN LOKON POR KUNVENI APARTE ( SE JES: KIUN REGIONON VI SUGESTAS? )? AŬ ĈU NI HAVU - KIEL EN 1979 - NIAN KUNVENON EN LA URBO DE LA UK, DO EN STOKHOLMO ?

Ne estus tute malutile havi seminarieton ekzemple en Luksemburgo aŭ en tuj apuda Belgio aŭ inter platdiĉoj en norda FRG. Aliaflanke, la ĉeftemo de la UK de Stokholmo estos DISKRIMINACIO, kaj unu el la kvar aŭ kvin stud-branĉoj de la kongreso traktos la inter-etnajn problemojn en labor-grupoj, prelegoj (interalie kadre de ISU) kaj stud-ekskurso al la Alandaj Insuloj (aŭtonoma regiono sved-lingva en Suomio). Do, estas altagrade interese "inviti" laŭeble multajn IKEL-membrojn kaj simpatiantojn al la diversaj aranĝoj de Stokholmo.

Bonvolu esprimi vian opinion skribante laŭeble baldaŭ al la estraro:

Prezidanto: Uwe Joachim Moritz (vidu la adreson fine de tiu ĉi paĝo)

Vicprezidantoj: Llibert Puig i Gandia, Güell i Ferrer, 223,<br>SABADELL (Barcelona), Hispanio

Renato Corsetti, Via Strabone 1, I-oo176 ROMA

Sekretario: Francesc Ibañez i Garcia, Diputació, 199,<br>BARCELONA - 11, Hispanio

Kasisto: Llorenç Martí i Nanclares, Ribot i Serra, 114,<br>SABADELL (Barcelona), Hispanio

## kaj cetere .....

ĉu vi jam pagis vian membro-kotizon koncerne la jaron 198o? Se jes, koran dankon! Se ne, bonvolu tion fari laŭeble baldaŭ, por ke la IKEL-estraro povu pagi anoncojn kaj inform-materialojn. Anticipan dankon!

---

**Etnismo** *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim MORITZ, Feldstr. 38, D-519o Stolberg (FRG), tel.: (49-24o2) 72336, poŝtĝirkonto: 232612-3o6 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la tria numero de 1979.

[illegible]abono (kalendara jaro): 8,-- gm (aŭ 1o internaciaj respondkuponoj).

[illegible] sendu ĉekojn sen antaŭa interkonsento! Evitu BANKAJN ĝirojn el [illegible], ĉar mia banko kutime subtrahas konsiderindan parton el la [illegible] kaj ..... ETNISMO plialtigas sian deficiton!